


# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO



AÑO XXI - Nº 255 ENERO-FEBRERO 1983


# Zaragoza, nia nunjara Kongresurbo

**Baziliko Nia Sinjorino de «El Pilar»**

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Dos de Mayo, 4 - VALLADOLID-4

REDACTOR-JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

Giordano Moyá
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora y Arana
Pedro Nuez
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Aduriz


# ENHAVO




Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid


# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Maria Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Av. Vicente Mortes
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

José González Suárez
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj:

Cuenta Postal 3.118.078

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE LA FEDERACION
ESPAÑOLA DE ESPERANTO
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
ZARAGOZA-1

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127, portal 7, 2º Iz
Tfno: (942) 339487
C. Postal: 03548531
SANTANDER

H.E.J.S.

Atocha, 98, 4º
Tfno: (91) 2308798
MADRID-12

# SALUTO KAJ INVITO

Daŭrigante la kutimon saluti vin, karajn gesamideanojn, antaŭ la okazigo de ĉiu Nacia Kongreso, permesu al mi prezenti al via konsidero kelkajn interesajn rimarkojn pri la ĉijara Hispana Esperanto-Kongreso.

Kiel vi jam scias, la nuna jaro 1983-a estis proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj «Jaro de la Internacia Komunikado» kaj tiu natura rajto kia estas la interkomunikado, estas, por ni esperantistoj, signifoplena, ĉar por nia Movado estas esenca kaj samtempe enradikiĝinta en niaj celoj kaj streboj.

En tiu etoso, ni havas la ĝojon enkadrigi nian nunjaran Hispanan Kongreson, okazontan en la bela urbo Zaragoza. Por diskuti kaj pritrakti ĝisfunde tiun temon, mi opinias ke estas utile ke la Kongreso havu kiel ĉefan temon: «La Komunikado».

Alia tre grava punkto de la nunjara Kongreso estas la fakto ke la E-Grupo «Frateco» de Zaragoza fondita en 1908-a, la nuna kiu de tiam funkcias seninterrompe en Hispanujo festas sian 75-an datrevenon.

Por inde festi tiun gravan eventon, la Zaragoza E-Societo invitis nin okazigi la nunjara Hispana E-Kongreso en tiu arthistoria urbo.

En la kadro de la Kongreso ni omaĝos tiujn veteranojn kiuj dum jaroj kaj jaroj laboris kaj eĉ ankoraŭ laboradas por la disvastigo de la internacia Lingvo Esperanto kaj kiuj estas vera modelo por tiuj novaj generacioj de esperantistoj.

En la historio de Esperanto, la E-Societo «Frateco» ludis kaj ankoraŭ ludas gravan rolon kaj vere estis multaj la okazaĵoj en kiu la zaragoza esperantistaro okupis la unuajn lokojn.

Aliflanke Zaragoza meritas nian viziton. La membroj de la Loka Kongresa Komitato senlace laboras por ke la nunjara Kongreso estu por la partoprenontoj vere neforgesebla. Ili preparas por ni tre interesan kaj allogan programon enhavantan prelegojn, laborkunsidojn, seminariojn, ekskursojn, artajn aranĝojn k.t.p.

Tiu-ĉi alvoko postulas respondon per amasa alesto al la Kongreso. Tio signifos ke la hispana esperantistaro estas preta por inde ekaranĝi la centdatrevenon de Esperanto.

M. R. URUEÑA
(Prezidantino de Hispana Esperanto-Federacio)



D-ro Fernando de la Puente.

# ESPERANTO SUR LIA VOJO

Jen ĉi-foje ni prezentas distingindan samideanon, D-ron Fernando de la Puente Solsona, kiu jam tre frue en sia infanaĝo —nur 11-jara li estis— komencis lerni la Zamenhofan Lingvon en la zaragoza Esperanta Societo FRATECO, kies fidela kaj aktiva membro li plu restas. Estas feliĉa koincido, ke li kaj la societo nunjare jubileas: li, 75 fruktodonajn vivojarojn, plejgrandparte dediĉitajn al Esperanto; ĝi, la 75-an datrevenon de sia fondiĝo, okazinta en 1908-a, ekde tiu dato ĝi —la sola en Hispanujo— funkciis seninterrompe ĝis nun.

Al D-ro de la Puente ni faris kelkajn demandojn. Jen liaj respondoj:

**Kie, kiam, kiel kaj kial vi interesiĝis pri Esperanto?**

Mi naskiĝis en Zaragozo, en 1908-a, la saman jaron de la starigo de la zaragoza Esperanta Societo FRATECO. Do, ni ambaŭ estas samtempuloj. Verdire, en mia familio neniu estis Esperantisto.

Iufoje mia patro diris al mi, ke mi devus lerni la lingvon Esperanto, ĉar oni prezentas antaŭ ĝi gravan kaj profitdonan estontecon. Verŝajne amiko lia parolis al li pri Esperanto. Konsekvence, mia patro kondukis min, kiam mi estis nur 11-jara, al FRATECO, kie mi komencis lerni Esperanton. Mia unua profesoro estis

sinjoro David Maynar, filo de s-ro Manuel Maynar Barnolas, esperantisto de ĉiama memoro.

Iom post iom, dum la lingvo eniris en mian menson, la esperantista ideo trapenetris mian koron, tiel profunde, ke ĝi restis tie por ĉiam, pli kaj pli forta. Tiel mi fariĝis vera apostolo de Esperanto, pro kio oni povas diri, ke al Esperanto mi dediĉis mian tutan vivon.

Konsekvence, en 1950-a mi fondis KEHA-n, kun kvar elstaraj kaj neforgeseblaj amikoj esperantistaj (María Casasnovas, Eusebio Maynar kaj la jam forpasintaj Pedro Marqueta kaj José Martínez). De tiam mi prezidas la Asocion. Fakte, same kiel mi povus diri, ke FRATECO estas mia esperantista patrino, mi ankaŭ povus diri, ke KEHA estas mia Esperanta filino. Ambaŭ estas en mia koro. Post 8 jaroj mi fondis, kaj redaktis de tiam, la trimestran revuon KATOLIKA ESPERANTISTO, organon de KEHA.

**Estas sciate, ke vi daŭre aktivas en la hispana Esperanto-Movado, precipe en ĝia religia kampo, kies katolikan organizaĵon KEHA vi prezidas. Kiel, laŭ via kriterio, la esperantistoj povus —eĉ se modeste— kontribui, kaj al starigo de internacia akordo, kaj konsekvence, al la enradikigo de reciproka respekto inter la partianojn de la diversaj kredoj kaj ideologioj, nuntempe imperiantaj en nia senorientiĝa mondo?**

Ni ne povas forgesi, ke la precipa penso de Zamenhof, en lia projekto krei internacian lingvon estis la interfratiĝo de la homaro. La frazo: «Se ĉiuj homoj parolus la saman lingvon, malamo intergenta ĉesus», estis la kerno de lia kreado. Tamen, tiu frazo ne estas realaĵo, kaj bedaŭrinde enloĝantoj de la sama nacio, kiuj kompreneble parolas la saman lingvon, vivas malpace. Sed estas pli bedaŭrinde, ke tio okazas inter esperantistoj, jen izoluloj, jen kunigitaj en grupoj aŭ asocioj. Ni devas forigi de ni tian malsanon. La veraj esperantistoj devas sekvi la vojon de nia Majstro, kaj alpreni liajn sentojn. La unua parto de la devizo de KEHA estas: «per Esperanto al la Amo». Nia tasko estas ami la aliajn, indiferente kiuj ajn ili estas, ne atentante la koloron de ilia haŭto, iliajn kredojn, iliajn ideologiojn... ĉar ĉiuj estas niaj fratoj. Ni devas semi pacon ĉirkaŭ ni.

La afero estas, ke se ni estas malpacemaj, ni ne povos konvinki la aliajn pri «interpaca akordo». Ni devas esti ĉiam kaj ĉie apostoloj de la toleremo, de la Paco kaj de la Amo, per nia ekzemplo kaj per nia parolo.

Memorinda kaj kortuŝa estis por mi la jeno: Mi havis la honoron prezidi (kiel katoliko) kune kun Prof. Horsky (protestanto) la Ekumenan Kunvenon, okazintan dum la 53-a Kongreso de UEA en Madrido. Tie mi prononcis salutajn kaj ekumenajn vortojn al la ĉeestantaro, kaj mi elektis por la fino de mia paroladeto unu preĝon originale verkitan de la fondinto de la Protestantismo, Martín Lutero. Se ni deziras vivi kaj

agi en tiu etoso de paco kaj amo, ni devas forkuri de la egoismo, kiu estas vera «anobio» de la amo.

Eble nia kontribuo al la starigo de frata paco inter la popoloj, kaj inter la personoj de diversaj kredoj kaj ideologioj restos malsukcesa, malgraŭ niaj klopodoj, sed ni ne devas malkuraĝiĝi pro tio. Nia tasko estas sekvi tiun strebon: obstine entaŭen! Ni ne forgesu la vortojn de «La Vojo»: Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas. Ni semas kaj semas konstante.

**Ĉu vi spertis ia(j)n kurioza(j)n anekdoto(j)n en via esperantista vivo?**

Mi ne scias, ĉu la sekvaj okazintaĵoj estas interesaj aŭ ne. Tamen, jen la unua: Mi kune kun aliaj tri esperantistaj amikoj (inter ili s-ro Marqueta), en la jaro 1954-a atingis trajne la stacidomon de Amsterdamo, por ĉeesti la Kongreson de UEA. Tie ni luis unu el la multaj taksioj, kiuj atendis, por iri al la rezervata loĝejo. Je la fino de nia vojo, kiam ni descendis, s-ro Marqueta montris al la ŝoforo kelkajn bankbiletojn, por ke li prenu la ĝustan monon, ĉar ni sciis nek la kvanton, nek la nederlandan lingvon por demandi tion, kaj la ŝoforo, domaĝe, ne sciis Esperanton. La ŝoforo prenis du biletojn kaj faris geston, ke ili estas la gusta ŝuldo. Poste ni komentariis kun nederlanda esperantista amiko, kiu estis policisto, la ekscesan (laŭ ni) pagitan monon. Li konsentis kun ni kaj diris, ke tio estis friponaĵo. Bedaŭrinde ni ne sciis, kiu faris tion, ĉar ni preteratentis la numeron de la taksio.

Post unu jaro ni ricevis leteron de la nederlanda policisto, per kiu li komunikis al ni, ke finfine, post longa kaj elĉerpiga traserĉado, li sukcesis trovi la ŝtelistan ŝoforon, malgraŭ la manko de sufiĉaj informoj. Li estis punita, krom per la redono de la mono senrajte ricevita, kaj adekvata monpuno, per la ĉesigo de lia laborpermeso dum unu jaro. Nia amiko klarigis al ni, ke kvankam povus ŝajni al ni troa la puno, ni devus konsideri, ke ni estas eksterlandanoj, kio pligrandigas la kulpon. Kompreneble oni sendis al ni la ŝtelitan monon, kiun ni reprenis danke al Esperanto.

Jen alia okazintaĵo: Estis je la jaro 1966-a. En Budapeŝto (Hungarujo) okazis la 51-a Universala Kongreso de Esperanto (UEA). Ni intencis ĉeesti al la Internacia Balo, spektaklo vere vidinda. En la loko, kie ni vespermanĝis, ni demandis kiamaniere ni povas atingi la Foirejon, en kies grandega halo okazos tiu Balo. Oni diris al ni, ke en la apuda placo estas haltejo de aŭtobuso, kiu kondukos nin tien. Ni devos descendi en la kvara haltejo, kaj ni vidos de tie la grandan lumigon de la Foiro. Kiam ni descendis, ni vidis nek la Foiron, nek la lumigon, nek personoj al kiuj demandi. Finfine aperis unu sinjoro. Al nia demando, li respondis montrante al ni larĝan kaj longegan straton: «Rekte, tri kilometrojn». Ni estis veturantaj en la kontraŭan direkton!

**Kaj fine, kian mesaĝon vi transdonus al la esperantistoj nialandaj, por ke ili plej entuziasme alportu sian sableron al la Movado, cele al la definitiva oficialigo de Esperanto en Hispanujo?**

Ili devas antaŭ ĉio perfektigi senĉese sian lingvoscion. Sen nia plena kono de la lingvo ni ne povos trudi Esperanton al la aliaj. Due, ili ne devas preterlasi okazon paroli en sia medio (amika, kunula, profesia, religia, politika ktp) pri Esperanto kaj ĝiaj avantaĝoj. Ekzemple: okaze de televidaj elsendoj, en kiuj oni aŭdis eksterlandanon, parolantan sian propran lingvon (kiel ordinare okazas en «La Clave»), kies vortoj estas tradukataj de alia persono. La sperto instruas nin pri la manko de simileco inter unu kaj alia parolo; la tradukanto multfoje ŝanceliĝas kaj tradukas nur duonon de la frazoj. En tiaj okazoj, ni povas reliefigi la avantaĝojn de Esperanto.

Alia afero estas la koloniismo, kiu supozas trudi nacian lingvon, kiel universalan helpligvon. Neniu lando rajtas trudi sian ligvon al la aliaj, ĉiuj landoj devas esti sub la sama nivelo. Oni povas paroli pri tio kun la aliaj. Kaj, kiel ambaŭ, estas multaj aliaj motivoj por propagandi Esperanton.

Aliparte, ni devas antaŭvidi la problemon, kiu prezentiĝos, kiam Esperanto estos oficialigita en Hispanujo, kaj ĝia lernado devigata en la lernejoj. Tio estas, la manko de sufiĉaj taŭgaj profesoroj. Tamen, jam de nun, tia problemo ekzistas en multaj lokoj. Oni ne povas starigi eblajn kursojn en diversaj lernejoj pro tiu manko.

La definitiva oficialigo de Esperanto en Hispanujo (same kiel en la mondo) nur okazos, kiam la nombro da esperantistoj estos grandega.

Pro tio, la tasko de ĉiuj estas propagandi la lingvon ĉiam, ĉie kaj senĉese, kaj ankaŭ ĉiam, ĉie kaj senĉese forigi la malkomprenojn pri nia lingvo, kiuj faras ĝin ridinda aŭ mokinda por tiuj, kiuj supraĵe juĝas nin

Intervjuis V. H. Ll.

---

## pasporta servo de tejo



Kreita de T. E. J. O. la jaron 1974-a laŭ ideo de D-ro Ruben FELDAN-GONZALEZ. Pasporta Servo celas promociigi interesan turismon, interkulturan kompreniĝon kaj internacian amikecon per kontaktigo de homoj kiuj deziras vojaĝi eksterlanden kun tiuj kiuj pretas akcepti gastojn en propra hejmo.

Pli ol 477 adresoj en 48 landoj pretas akcepti senpagajn gastojn.

Se vi deziras havi la liston de gastigantoj por 1982-a, mendu tuj ekzempleron al HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO, Dos de Mayo, 4 VALLADOLID-4. Vi ricevos ĝin kontraŭ pago de 575 p-toj.

# Iom pri la premio «Klara Silbernik»

La ideo krei la Premion «Klara Silbernik», per kiu oni celas ĉiujare simbole rekompenci la edzinon de distinginda esperantisto hispana, daŭre apogintan sian edzon en lia agado por Esperanto, originas el eksterordinare grava helpo, kiun sinjorino Klara Silbernik senrezerve alportis al sia edzo, d-ro Zamenhof, la iniciatinto de Esperanto.

Tial ke similan apogon trovis en sia edzino la fondinto kaj ĝisnuna administranto de HISPANA ESPERANTO-MUZEO, s-ro Luis M.ª Hernández Izal, li decidis starigi kaj daŭre patroni, jam en la jaro 1975-a, la Premion «Klara Silbernik», stimulite de tiu paralela protagonismo, ĉar ja estis lia edzino, s-ino Teresa Massana, kiu, prefere al akiro de propra komforta domo, plej insiste lin instigis konstruigi lokalon, specialan por tiu Esperanto-Muzeo, la sola en Hispanujo kaj la kvara en la mondo.

Ĝis nun oni aljuĝis la «Premion» al la edzinoj de jenaj elstaraj esperantistoj: sinjorino Hernández Izal; vidvino Criach; sinjorino Figuerola; vidvino de d-ro Herrero; sinjorino Puig; vidvino de Akademiano Delfí Dalmau; sinjorino Zaragoza Ruiz; sinjorino Navarro Clemente, kaj nunjare, al sinjorino de d-ro de la Puente Solsona. La nomon de la elektita kandidatino implicite anticipas intervjuo al ŝia edzo, sub la titolo «Esperanto sur lia vojo», kiu ĉiujare aperas en BOLETIN, ekde la 1980-a.

Oni aljuĝas la Premion, laŭ jena regularo: Per la Premio «Klara Silbernik» oni celas simbole rekompenci la edzinon de elstara esperantisto, fervore apogintan sian edzon en lia agado por Esperanto. La Premio



S-rino de la Puente.

konsistas el arte gravurita medalo, montrantan la buston de la edzino de d-ro Zamenhof, s-ino Klara Silbernik. Al tiu Premio povas senescepte kandidati —eĉ se ŝi ne parolas Esperanton— ĉiu edzino aŭ vidvino de distinginda esperantisto hispana, kondiĉe, ke li estas membro de iu ajn Esperanto-organizaĵo, kion ankaŭ oni konsideros ĉe la definitiva elekto. Ekde 1980-a oni liveras la medalon, kune kun konfirma atesto, okaze de Hispana Kongreso de Esperanto.

La Aljuĝa Komisiono konsistas el jena ses-membra skipo: s-ro Luis M.ª Hernández Izal, kiel Prezidanto; s-ro V. Hernández Llusera, kiel Sekretario; d-ro Joaquín Bielsa Vispe, s-ino María Ferigle Dantí, s-ro Ramón Molera Pedrals, kaj s-ro Santiago Torné Grau, kiel gevoĉdonantoj.

**Informis: V. H. Ll.**



**Nia forpasinta S-ano Molera prelegante.**

# ADIAŬ INSTRUISTO

Li ne plu estas inter ni. La falĉilo de la morto segis lian vivon kaj ni restis solaj, orfaj, sen instruisto.

Antaŭ pli ol dudek jaroj, ricevinte informojn de alia giganto de la hispana Esperanto-Movado, D-ro Rafael Herrero, mi aligis al la perkorespondaj kursoj de H.E.F., gvidataj de nia neforgesebla amiko Molera. Li helpis min doni la unuajn paŝojn en la Esperanto-Movado. Mi sentis min izolita en tiu kastilia vilaĝo, kaj li malfermis al mi la larĝan pordon de la mondo, pere de Esperanto. Lia instigo por lernado de la internacia Lingvo, eltiris min de mia duona analfabeteco.

La instruisto pri afableco, simpatio, elokventa parolmaniero; la intruisto, kiu radiigis entuziasmon, laborkapablon, kuraĝon, fervoron... ne plu estas inter ni!!

Post multaj jaroj kaj pro cirkonstancoj de mia vivo kaj eĉ de Esperanto mem, mi kreis mian familian hejmon ne malproksime de lia urbeto Moyá. Niaj personaj kontaktoj plifirmigis la amikecon inter instruisto kaj lernanto.

Mi ne scias, ĉu mi rajtas paroli nome de aliaj homoj, se mi ne estis rajtigita tiucele, sed mi kuraĝas tion fari. Nome de la miloj da lernantoj de la kursoj per korespondado de li gviditaj, kaj en tiu mia, ni vin dankas, kara instruisto, pro via Esperanta laboro kaj helpo de vi ricevita. Se ni, disĉiploj viaj, estus kapablaj vin imiti, vere ni estus ege feliĉaj. Tion ni celas, kiel veran omaĝon kaj rememoron.

Ploru, hispanaj esperantistoj, ploru Esperantujo; la amiko, la homo, la samideano, la afabla «skandinava hispano», la prestiĝa esperantisto... la instruisto Ramón Molera Pedrals, ne plu estas inter ni!!

**Luis Serrano Pérez**

# 1987 - 100-JARA JUBILEO DE LA APERIGO DE ESPERANTO

Oni certe memoras la Zamenhof-jaron 1959, la centjaran naskiĝon de la aŭtoro de Esperanto. Tiam okazis grava kampanjo por nia internacia lingvo kaj impona Jubilea Kongreso en Varsovio. Kiel memoraĵo pri tiuj eventoj estis eldonita gravega verko, «Memorlibro pri la Zamenhof-jaro».

Baldaŭ devos okazi pli grava jubileo, la centjara aperigo de «la Unua Libro de D-ro Esperanto, —LINGVO INTERNACIA—», tio estas, Esperanto fariĝos centjara en 1987. Interese estas legi sur la koverto de la «Unua Libro», tiun devizon: «Por ke unu lingvo estu universala ne estas necese, ke ĝi havu tian nomon», kaj alian sur la dorso: «La lingvo internacia estas, kiel ĉiu nacia lingvo, publika proprieto, la aŭtoro rezignas por ĉiam plu, ĉiujn personajn rajtojn».

Se la Zamenhof-jaro 1959 estis omaĝo al la memoro de persono la jubileo de la jaro 1987 estos omaĝo al la internacia lingvo kaj al ties «interna ideo» kun la celo pace unuigi la homaron, forigante la militon, kiel tekstas la «Espero».

Jam estas starigita Pola Komitato por la solenado de la 100-jara jubileo kaj por plani la organizadon de la 72-a Universala Kongreso en la jaro 1987 en Varsovio, same Universala Esperanto-Asocio planis 5-jaran kampanjon, vidu revuon Esperanto monato oktobro jaro 1981 n-ro 910, kaj samtempe organizis komisionon dediĉita ekskluzive por la Jubilea Jaro, vidu Jarlibron 1982, tamen oni povas supozi ke nun ankoraŭ estas tre frue por prepari ion, sed konsiderante tiun eksterordinaran kaj unikan eventon, eble ni devus ŝanĝi nian koncepton pri organizado kaj ekkomenci ĉiuj E-asocioj kaj aktivuloj projekton por sia urbo, sia aŭtonoma regionlando kaj nia tutlando, kun la celo prepari adekvatan programon kun fina rezulto de Hispana Komitato kiu, ligita kun la aliaj landaj, internaciaj kaj universala kiel de UEA kunligos ĉiujn agadojn.

Certe nia Kongreso en Zaragozo estos tre bona momento por ekfiksi provizoran planon, komisionon kaj respondeculojn ekzemple pri: kie okazos nia Hispana Kongreso kaj kie kaj kiam niaj tradiciaj Renkontiĝoj kaj Kunvenoj?; kiom da E-literaturaĵoj interesas ke niaj eldonejoj presos?; ĉu reeldoni ni, iu ajn valoran literaturaĵon nun jam elĉerpita?; ĉu intensiigi la kontaktojn kun la aŭtoritatuloj pri la «Enkonduko de Esperanto en la 2-a fazo de la Ĝenerala Baza Edukado» de ILEI; ĉu altniveligi la E-kursojn por eviti la eternajn komencantojn, tiuj laŭnome esperantistoj, kiuj krokodilante plurfoje ĉeestas Kongresojn por precipe sin distri kaj fari turismon?

Ni devas kompreni, ke esperantismo ne estas tempopasigilo, sed seriozaj kaj gravegaj ideoj kaj aferoj rilate al la paco kaj al la unuiĝo de la homaro. Legu la biografion de d-ro Zamenhof, li ne havis tempon nek monon, sed li altgrade posedis heroecan volon sub humaneca sento. Li devis pergajni sian vivon kaj subteni sian familion, tamen li sen rimedoj, multe kaj multege agadis.

Restas je nia dispono kvar jaroj por plani nian estontecon, ne mankas al ni do tempon, oni klopodu jam ekde nun por ke nia JUBILEO estu la plej granda kaj sukcesa evento lande kaj internacie kaj ke la iama reva espero, jam fariĝis en 1987 tutmonda realo danke al Esperanto kaj ĝia vigla esperantista popolo.

**G. Moya**

# NIAJ GRUPOJ

**GIJON**.—De la 9-a ĝis la 16-a de decembro, en granda montrofenestro de «La Norma» (grava vendejo, kiu situas en stratkruciĝo kie viglas trafiko kaj senĉese amaso da personoj pasas kaj promenas tien reen) ni ekspoziciis diversajn esperantaĵojn: flagon de Esperanto, portreton de D-ro Zamenhof, kongresajn afiŝojn, specimenojn el gazetoj, revuojn kaj librojn en Esperanto, k. a. La tuto estis alloge prezentita, tiel, ke altiris la atenton de ĉiu preterpasanto.

Dimanĉon, la 12-an de decembro, okazis la ĉefa aranĝo de la ZAMENHOF-TAGO kiu disvolviĝis laŭ la jena PROGRAMO.

Je la 10,30 h. Akcepto, en nia sidejo, de gesamideanoj alvenintaj el diversaj lokoj de la provinco.

Je la 11-a h. Surmeto de Florbukedo ĉe la nomtabulo de strato Esperanto, honore al la memoro de la iniciatinto de la Internacia Lingvo.

Je la 12-a h. Solena malfermo de la ZAMENHOF-TAGO en la Teatro de la Katedro «Jovellanos», kun ĉeesto, en la prezida tablo, de reprezentanto de la urbestro. Post la prezentado de la akto fare de nia Prezidanto S-ro Santiago Mulas, S-ro Angel López Ramos, profesoro de Esperanto kaj membro de la Madrida Esperanto-Liceo, en mallonga parolado kortuŝe prezentis al la publiko kelkajn, ne tre konatajn faktojn el la vivo de nia Majstro.

Poste la «GIJONA ARTA ENSEMBLO» prezentis kelkajn folklorajn dancojn el Hispanujo kaj kantojn kaj monologojn, kiuj ravis la spektantojn kaj estis forte kaj longe aplaŭdataj ĉe la fino de ĉiu ero.

Je la 14,30 h. Bankedo en fama restoracio de la urbo, kie regis la kutima gaja, amuza kaj frata etoso, kaj per kiu trideko da gesamideanoj digne fermis la ĉi-jaran ZAMENHOF-TAGON.

Pri la aranĝoj informis detale la lokaj kaj provincaj ĵurnaloj kaj radio-stacioj kaj inter la publiko estis disdonitaj miloj de informfolioj pri Esperanto.

ADONIS

---

**MADRID**.—La 15-an de decembro kaj en la sidejo de «Club Amigos de la Unesco» okazis la aranĝo por inde memori D-ron Zamenhof. Post la salutvortoj de S-ro Augusto Casquero, Prezidanto de M. E. L., salutis la reprezentantoj de aliaj E-Grupoj de Madrid. Poste, la gvidantoj de la diversaj kursoj disdonis la diplomojn al iliaj gelernantoj. Sekve, S-ro Miguel Angel Sancho, Prezidanto de H. E. J. S., trafe parolis pri originala aspekto de la lingva problemo. Fine, S-ro José Fernández Arroyo prezentis esperantan filmon titolitan «Tra Nord Europo» kiu ege plaĉis. La kantado de la Himno de la Liceo metis finan punkton al la aranĝo.

La 18-an, estis oficiale inaŭgurita la strato «Idioma Esperanto» kun la ĉeesto de S-ro Luis Heras, Delegito pri Kulturo de la Urba Konsilantaro, kaj kun ĉeesto de esperantistoj, simpatiantoj de Esperanto kaj loĝantoj de la strato. En la inaŭgura ceremonio parolis la elstara esperantisto S-ro Francisco Azorín.

---

**VALLADOLID**.—Kun la celo festi la 123-an naskiĝdatrevenon de D-ro Zamenhof, la Grupo «Fido kaj Espero» aranĝis varian programon, kiu komencis la 14-an de Decembro per esperantlingva prelego de la juna membro José Antonio del Barrio pri la temo «La Junulara E-Movado en Hispanujo». La prelEganto rememoris ke la junulara E-movado estis fondita antaŭ dek jaroj de S-ro Salvador Aragay kaj nuntempe la junularo trovas malfacilaĵojn, ĉefe pro la altaj kotizoj, kaj ke por fortikigi la junularan movadon oni bezonas ke ĉiu kunhelpu, ĉefe per subvencioj kaj per monkontribuo de la Hispana E-Federa-

cio. La multnombra ĉeestantaro premiis lin per tondra aplaŭdado.

La 16-an prelegis esperante pri «Renaskiĝo de la suno en la sovetaj teroj» la Prezidanto de la Grupo S-ro Luis Martin Herrero. La prelego, tre interesa, temis pri la vivo kaj la kutimoj de la popoloj kuomi kaj suami, tradiciaj loĝantoj en la Arkt-Polusa Cirklo, kiuj post du monatoj kaj duono de seninterompa nokto, jam deziris forgesi la longan mallumon de la vintro kiam la suno renaskiĝas en la primitiva fino de la tero, kio estas festata per kurado de sledoj tiritaj de boacoj.

Sekve, S-ro Vicente de la Parte, Profesoro de la Elementa Kurso, parolis hispane pri la vivo de D-ro Zamenhof kaj fine, la novaj gelernantoj ricevis la E-emblemon. La festo finis per abunda hispana vino, bone preparata de la junulara sekcio.

La 19-an kaj en la Kapelo de la Sacerdota Restadejo mesofaris kaj predikis en Esperanto Pastro Jonás Castro Toledo.

Fine, 24 gesamideanoj partoprenis en frata bankedo okazinta en centra restoracio de la urbo.

L. M. H.

---

**BARCELONA.**—Organizita de la «Departamento de Esperanto de la Klubo de Amikoj de UNESKO de Katalunujo» okazis Zamenhof-Festo la 18-an de decembro. Ĝi konsistis el Ekspozicio pri libroj kaj publikaĵoj en Esperanto, lunĉo kiel fino de la festo kaj parolado en Esperanto. Llibert Puig verbe disertis pri la temo «Antaŭ la centjara datreveno de Esperanto» montrante la diversajn aktivaĵojn kaj atingojn de nia internacia organizaĵo UEA. Li ankaŭ parolis pri kutima teniĝo de la esperantistoj kaj rekomendis, ke ni laboru en unueco por baldaŭ atingi la finan venkon de Esperanto. Sekvis kun multaj partoprenantoj tre interesan kolokvon en Esperanto pri la vigligo de nia Movado.

La Salono de la Klubo de Amikoj de UNESKO tute pleniĝis de geesperantistoj el Barcelono kaj proksimaj urboj.

G. M.

---

«LIBERA STELO» E-grupo de Kooperativo «Flor de Maig» fondita en 1914 kaj disvastigante nian internacian lingvon ĝis 1938, denove ĉi jaro danke al la agado de s-roj J. Climent kaj J. Pérez organizis E-kurson, anoncante ĝin en la ĵurnaloj «Barcelona», «Avui» kaj «La Vanguardia». Ankaŭ oni disdonis 2.000 afiŝojn.

# 25-a datreveno de Societo Esperantista de Tenerifo (E S T O)

Okaze de ĝia 25-a datreveno, la estraro de ESTO impulsis sian agadon per la jenaj aranĝoj:

La 1-an de oktobro okazis intervjuo kaj kolokvo en radioelsendo de «Radio Nacional de España en Canarias», partoprenis en ĝi s-ro José Palmero prezidanto de la grupo kaj alia estrarano s-ro Ramón Rodríguez. Tiu programo daŭris 15 minutojn.

La 10-an de oktobro la ĵurnalo «Diario de Avisos» publikigis duonpaĝan artikolon pri nia societo, bele ilustrita pere de belaj fotografaĵoj.

La 15-an de oktobro estis organizita E-Kurso en «Santa Cruz de Tenerife». Partoprenis pli da 20 gelernantoj.

Kaj fine la 5-an de novembro, s-ro Jorge García prelegis en la sidejo de «Escuela de Turismo» de la ĉefurbo, pri nia internacia lingvo Esperanto.

# FUNDACION ESPERANTO

## Internacia Literatura Konkurso
## VERDIKTO

La 10-an de decembro 1982-a kunsidis la membroj de la Patronaro, Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, S-ro Víctor Ortíz, kaj F-ino Inés Gastón, sekretariino. Ŝi informis pri la poentoj asignitaj de ĉiu membro de la juĝkomisiono, respektive S-ro Salvador Gumá (Reus, Hisp.), S-ro Miguel Gutiérrez (Santander, Hisp.), kaj S-ro Petro Nuez (Barcelona, Hisp.).

La adicio de la poentoj respektivaj rezultigis:
21 poentojn al la konkursaĵo «La Legendo de la glavoj», subskribita de **Assa Edda**, al kiu estas aljuĝita la

Premio; «Sancho-Rebullida, kaj

20 poentojn al la konkursaĵo «La Kavaliroj el Blanik», subskribita de **Vovo**, al kiu estas aljuĝita la

Subpremio; «Sancho-Rebullida».

* * *

23 poentojn al la konkursaĵo «La besta patrino», subskribita de **Z. H.**, al kiu estas aljuĝita la

Premio; «Juan Miguel Piquero», kaj

21 poentojn al la konkursaĵo «Du hundoj», subskribita de **Fringelo**, al kiu estas aljuĝita la

Subpremio; «Juan Miguel Piquero».

Tuj poste la sekretariino malfermis la identigajn kovertojn, kaj la aŭtoroj premiitaj estas:

Ana María RANERO **Assa Edda** (Salamanca, Hisp.): Premio «Sancho-Rebullida»
Vladimir VANA **Vovo** (Plzen, ĈS.): Subpremio «Sancho-Rebullida»

Zora HEIDE **Z. H.** (Tullinge, S.): Premio «Juan Miguel Piquero»
Agnieszka USAKIEWICZ **Fringelo** —Desegnaĵo de Eva SALAMON— (Warszawa, PL.): Subpremio «Juan Miguel Piquero».

La Patronaro de «Fundación Esperanto» dankas al la juĝintoj pro ilia kunlaboro, kaj al la partoprenintoj pro ilia entuziasma klopodo vivigi Esperanton per siaj verkoj.
Zaragoza (Hispanujo), la 15-an de decembro 1982-a

**Inés Gastón**
**Sekretariino de «Fundación Esperanto» kaj de la Konkurso**

## NOTOJ KAJ ARTIKOLOJ POR «BOLETIN»

Verku ilin tajpitajn kun duobla spaco, tiamaniere vi faciligos la laboron de la korektanto kaj de la presejo, kaj laŭ ebleco kunsendu fotojn.
Ĉiu Asocio, Grupo, Fako, Sekcio kaj Klubo elektu respondeculon kiu zorgos pri regulan kontakton kun la HEF-Redakcio.
NEPRE sendu ĉiujn kunlaboraĵojn, notojn, informojn, recenzojn, prelegojn noticojn kaj raportojn rekte al ĉefredaktoro Salvador Aragay i Galbany, strato Bassegoda 40-3-1, Barcelono-28.

# Denove francaj kaj hispanaj esperantistoj rekontiĝis en Jaca



La 16-an kaj 17-an de oktobro, esperantistoj de la Grupo «Esperanto, Pau-Adour», kaj membroj de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio (H. T. E. S.), de «Frateco», kaj de «Esperanto-Grupo de Callosa de Segura» renkontiĝis en Jaca (Huesca)

Post pli ol ses jaroj de nia lasta renkontiĝo en Tarbes (Francujo), en la monato septembro, surprize, ni ricevis la leteron en kiu niaj francaj geamikoj anoncis sian viziton, tuj, ni interkonsentis kun ili pri la renkonto. Nun, plian fojon ni atingis la celon: disvastigi Esperanton per la praktiko, vigligi la movadon kaj plifirmigi la amikecon inter la esperantistoj de ambaŭ flankoj de la Pireneo.

Je la 5-a posttagmeze alvenis la franca aŭtobuso. La hispanoj, tra malsamaj vojoj, jam estis alvenintaj. Kiel kutime, ne mankis nia kara amiko, fidela membro de H.T.E.S., S-ro Otaola, el Bilbao.—Post la bonvenigaj salutoj kaj la loĝigo de la ĵus alvenintoj ĉe la «junul-domo», ni ĉiuj, laŭdezire, promenis tra la urbo, butikumis, ktp. ĝis la horo fiksita por la vespermanĝo ĉe tiu sama gastejo, en tre amikeca kaj kamaradeca etoso.—Ni ĝuis la «arton» de niaj francaj geamikoj, kiuj bonege deklamis kaj aktoris.

Dimanĉon, je la 9-a, ni ekskursis al «San Juan de la Peña», 37 Km. for de Jaca, fama monahejo, panteono de l'Aragonaj Reĝoj, situanta en pitoreska loko, kaj konstruita en grandega roko. Por ŝatantoj de arto kaj historio, ĝi estas nepre vizitenda loko.

Je la 13-a ni veturis al la restoracio «Oroel», sur la monto «Peña Oroel», kiu majeste elstaras inter la montoj de la Pirenea ĉeno.—Se la vidaĵo ekde la «Balkono de Hispanujo», en la parko de «San Juan de la Peña» estas belega, ne malpli bela estas tiu, kiun oni ĝuas ekde la «Peña Oroel», tial, ĝi estas nepra vizito por naturamantoj.—Entute, tre agrabla renkontiĝo, kaj plej grave, ja esperplena, ĉar ĝin partoprenis, ambaŭflanke, novaj, junaj esperantistoj.

S-ro Decobert, nome de la grupo «Esperanto, Pau-Adour», invitis por okazigi nian naŭan rekontiĝon en septembro 1983, en Francujo. Nome de H. T. E. S., ĝia prezidantino akceptis la inviton.—Ĉu la 9-a Franca-Hispana Renkontiĝo okazos en Navareux? ĉu en Oloron? Pri tio, niaj francaj geamikoj decidos.—En Hispanujo informos pri ĝi, la Hispana Turisma Esperanta Sekcio, ĉe Inés Gastón, Pº de la Constitución 35/4º dcha. Zaragoza-1 Hispanujo.

**Inés Gastón**

# 70 JAROJ DE ESPERANTO EN VENEZUELO




**Prof. Antonio Lauro gitarkoncertas dum la Unua Renkontiĝo de esperantistoj en Venezuelo.**

Inter la 10 kaj 12-a de decembro, Venezuela Esperanto-Asocio okazigis la Unuan Rekontigôn de la Venezuela Esperantistoj por festi la 70-jaran datrevenon de la fondiĝo de la Asocio por Benito Raul Losada en 1912 en la urbo Maturin.

Estis pli ol 50 partoprenantoj esperantistoj kaj amikoj de Esperanto. Malfermis la Renkontiĝon Prof-ro Jorge C. Mosonyi, Prezidanto de la Asocio; salutis la partoprenantojn ankaŭ Pedro Blanco Vilariño, fare de la Bolivara Asocio de la Ŝtato Lara kaj proponis kunlaboron. Parolis Alfredo Portillo pri la Historio de Esperanto en la Lando, kaj substrekis ke la unuaj aktivaĵoj pro Esperanto, ĝis nun konataj, estis en 1902, 10 jaroj antaŭ la fondiĝo de la Asocio. Ivo Schenkel disertis pri Esperanto kaj Turismo. La fama venezuela gitaristo kaj komponisto, Prof-ro Antonio Lauro, eksprezidanto de la Asocio, belege koncertis kelkajn el siaj memkomponitaj valsoj. Roberto Sánchez kaj Alfredo Portillo prezentis la teatraĵeton «Enuo» de Cipolatti. Prof-ro Rafael Mejía fermis la kulturan kaj artan programon de la Renkontiĝo.

Prof-ro J. E. Bachrich parolis pri la Nuna Stato de la Movado en la Mondo, kaj la delegitoj de enlandaj urboj, Ivo Schenkel el San Felipe, German Montero kaj David Valecillos el Maracaibo, Alfredo Ovalles el Maracay; Adamo Goralski el Valencia, priparolis pri la esperanta agado en siaj urboj. Prof-ro Andrea Turrisi fermis per emociaj kaj optimistaj paroloj la Unuan Renkontiĝon.

La partoprenantoj en la Rekontiĝo festis la Zamenhofan Datrevenon per bankedo, ekskursis, dancis kaj kantis kune.

# Veselin Damjanov atingis brilajn sukcesojn en Hispanujo

De la 10-a ĝis la 30-a de januaro, kaj invitite de la Hispana Esperanto-Federacio, vizitis Hispanujon kaj plurloke kantis la fama esperantista baritono Veselin Damjanov, de la Operteatro de Sofía (Bulgario).

Li sukcese kantis en Madrid, Valladolid, Zaragoza, Barcelona, Villanueva y Geltrú kaj Sabadell.

La plej granda parto de la E-Grupoj kie okazis la evento, aranĝis ĝin kunlabore kun lokaj kulturaj instancoj kaj profitis la eventon por informi pri Esperanto tra la diversaj lokaj ĵurnaloj kaj radiostacioj.



La baritono Veselin Damjanov kantas...

En Madrid, kie okazis lia unua koncerto, li kantis en la sidejo de Madrida Esperanto-Liceo por geesperantistoj.

En Valladolid, nuna sidejo de H. E. F., la koncerto okazis en la Salon-Aceptejo de la Urbodomo afable pruntedonita de la Urba Fondaĵo pri Kulturo. Damjanov, per sia tembroriĉa voĉo kantis ariojn, fragmentojn de operetoj, italajn, rusajn kaj bulgarajn kanzonojn kiuj ege plezurigis la ĉeestantaron kiu plenigis la salonon.

La 19-an de januaro, du tagojn post la okazigo de la koncerto, en la loka ĵurnalo «El Norte de Castilla» aperis recenzo pri ĝi verkita de Marisa Manzano en kiu i.a. oni povas legi: «Kvankam la recitalo estis tre varia, ĉar li kantis ekde opero ĝis itala kanzono, inkluzivante opereto, kaj bulgaraj kaj rusaj popolkantoj, en ĉiu kanzono ni povis konstati, per la voĉo kaj la gesto, tiun aktoron kutimiĝintan ludi la plej diversajn rolojn. Ni, persone, opinias ke kun la kvalitoj de Damjanov estus grandega plezuro aŭskulti lin kanti pli da operaj arioj, tamen la recitalo estis interesa».

Damjanov kantis en pluraj lingvoj kaj inter ili «Granada» en la hispana, kio ravis la tutan ĉeestantaro. El la tuta repertuaro, Veselin Damjanov kantis kvar erojn en la internacia lingvo Esperanto, kaj pri tio Marisa Manzano, en la jam menciita ĵurnalo skribas: «Ni ne forgesu ke tiel la organizantoj, kiel la kantisto, mem estas esperantistoj. Tio povis ŝoki la neesperantistan publikon kiu ĉeestis la koncerton, sed ĝia simileco al la hispana kaj la itala



S-ro Damjanov respondas al televid-jurnalisto. Meze la Prezidantino de H. E. F. kiu tradukis.

lingvoj rilate la kantadon, faras ĝin tre familia lingvo.»

En Zaragoza la koncerto okazis en la salono de la Konservatorio, la 22-an de januaro, kaj same kiel en Valladolid, li estis akompanata de la juna pianludistino Judith Pardo.

En Barcelona la koncerto okazis en la salono de Orfeó Gracienc kunlabore kun ĉiu E-Grupo de la urbo, la 27-an de januaro kaj li estis akompanata de la pianistino María Canela.

Saman recitalon, li prezentis en Villanueva y Geltrú kaj Sabadell.

Por informi la publikon pri la koncerto, oni eldonis belajn programkajerojn enhavantajn la biografion de Damjanov kaj la programon de la koncerto, kaj en tiu de Valladoid ankaŭ utilajn informojn pri Esperanto.

L. HERNANDEZ

# DEZIRAS KORESPONDI

S-ro Jesús Armengol Arbiol
Francisco Moraga, 95
Sta. COLOMA DE GRAMANET
BARCELONA - HISPANIO

S-ro Vasil Lazarov Auramov
u. Tolbuhin, 105 - vhod-A,
Apart. 4
3000 - VRACA - BULGARUJO
(kun s-aninoj pri: interŝanĝo de il. pk., pm., fotoj, modĵurnaloj.)

S-ro Klaus Ahrens
Witebsker Str. 5
DDR 1200 Frankfurt (Oder)
Germana Demokrata Respubliko.
(pri ĉ.T.)

F-ino Gim Gjong-hi
Poŝtkesto-130, Gŭangĝu-500
Gonnam, KOREA RESPUBLIKO
(hobio: montgrimpado kaj tabloteniso).

F-ino Katalin Saja
Szivárvány utca 15
6800 HODMEZOVASARHELY
(HUNGARIO)
(19 jaraĝa oficistino)

F-ino Edit Nyiri
Szonyi u. 3 IV/1
6800 HODMEZOVASARHELY
(HUNGARIO)
(19 jaraĝa oficistino)

S-ro Ramón Bach Casas
Sant Joan d'en Coll, 26-3-4
MANRESA (Barcelona)
HISPANUJO
(kun la tuta mondo kaj interŝanĝo de p. m.)

# 68a Universala Kongreso de Esperanto

## De la 30a de julio ĝis la 6a de aŭgusto

Geesperantistoj partoprenu la 68-an UK en Budapeŝto, ĉar la UK estas la plej grava ĉiujara kunveno de la tutmonda esperantistaro, kaj la programo de la Universala Kongreso enhavas allogajn erojn por ĉiuj parolantoj de la Internacia Lingvo.

Plie la Esperanta kulturo ŝuldas multajn siajn atingojn al la filoj de tiu ĉi lando. Tie en 1900 Paulo Lengyel savis la vivon de la revuo «Lingvo Internacia», tie aperis «Literatura Mondo», de tie «Budapeŝta Skolo» disradiis sian grandan kontribuon al la kultura evoluo de Esperanto, tie vivis Julio Baghy kaj Kalocsay, du gigantoj de la Esperanta kulturo.

Konstanta adreso: Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

## ORIGINALA ESPERANTO-DRAMO PRI LIDIA ZAMENHOF

Dum la 68-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto, por unua fojo estos prezentita la originala Esperanto-dramo pri Lidia Zamenhof «Ni vivos!».

La dramo, kiun verkis la juna, sed jam bone konata Esperanto-aŭtoro Julian Modest, priskribas la vivon kaj Esperanto-agadon de plej juna filino de d-ro Zamenhof. Lidia Zamenhof, kiu dediĉis sian tutan vivon al Esperanto, pereis kune kun siaj familianoj en Varsovia geto dum la Dua Mondmilito. La dokumenta dramo de Julian Modest revivigas ne nur la helan figuron de Lidia Zamenhof, sed ĝi estas ankaŭ arda protesto kontraŭ plej terura milito de nia jarcento, kontraŭ la kruela homa perforto.

La dramo, en kiu rolas pli ol 20 geaktoroj, estos prezentita de la teatra trupo «Garaboncias» kun reĝisoro János Beregszászi.

Dum la 68-a UK de Esperanto en Budapeŝto, per «Ni vivos!» la tutmonda esperantistaro solene omaĝos la 40-jaran datreveno de la martira pereo de Lidia Zamenhof.

## KONKURSOJ POR LA VENONTA UK EN BUDAPEŜTO ORGANIZITAJ DE ILEF

Okaze de la venonta U.K. de Esperanto en Budapeŝto, la INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTOJ FOTO-KINO-MAGNETOFON-AMATOROJ, faka organizaĵo aliĝinta al UEA, kadre de siaj aktivaĵoj organizas la jenajn konkursojn:

**FOTO-KONKURSO**. Tipo kolora aŭ nigra/blanka
**FILMO-KONKURSO**. Filmtipo super 8/mm, kolora kaj ne
**SONBENDO-KONKURSO**. Sonbendtipo: normala kasedo, 1 hora daŭro.

Interesuloj kontaktigu kun s-ro José F. Arroyo, Avda Llano Castellano 11, Madrido 34.

# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ

La Esperanto-Domo de Gresillon proponas al ni diversajn kulturajn aranĝojn dum la nuna jaro.

La unua estos Internacia Renkonto de Infanoj, kun kursoj, distraĵoj, kaj diskutrondoj pri lingvo-instruado, okazonta de la 3-a ĝis la 9-a de aprilo.

Somere okazos diversaj aranĝoj, kun diverstemaj prelegoj, diversnivelaj kursoj por internacia ĉeestantaro, konversacio, ekskursoj k.t.p. Petu informojn ĉe **Esperanto-Domo**: GRESILLON. 49150 BAUGE (Francujo).

* * *

De la 6-a ĝis la 13-a de aŭgusto, kaj organizite de **Monda-Turismo Esperanto** okazos en Vieno **Postkongresa Esperantista Renkontiĝo.**

La programo, tre varia kaj alloga, enhavos: interkonan vesperon kun muziko, kaj dancado en la popolamuzejo «Prater»; viziton de la kastelo Schönbrunn; feston en vinrestoracio «Heuriger»; Viziton de la interna urbo: Ringstrasse, kaj ties vidindaĵoj, internacian Esperanto-Muzeon, Katedralon kaj parkojn; tuttagan ekskurson al Burgerland, viziton de la UNO sidejo en Vieno k.t.p.

Interesitoj skribu al S-ro Max Finkezeller (Monda Turismo), Troststrasse 27/10/2, A-1100 WIEN (Austrujo).

* * *

De la 23-a ĝis la 30-a de julio okazos en **Maria Alm**, feria paradizo en la aŭstria federacia lando Salzburg, Antaŭkongresa Internacia Feriosemajno. La programo enhavos Interkonan vesperon, E-Kursojn, Seminariojn ekskursojn k.t.p. Petu informojn al S-ro Max Finkezeller.

## ESPERANTO-STAĜOJ POR KOMENCANTOJ KAJ PROGRESANTOJ

Dum la tuta jaro Kultura Centro Esperantista, kiu situas montare flanke de la urbo La Chaux-de-Fonds (Svislando), organizas esperanto-staĝojn, ĉu por komencantoj, ĉu por progresantoj.

La instruado, kiun gvidas Stefano Keller, efektiviĝas laŭ metodiko programita, aŭd-vida, pergesta, paroliga kaj legiga. Tiuj staĝoj daŭras unu semajnon. Studi matene, ferii la reston de la tago en amika etoso, jen io ege riĉiga lingve kaj kulture. Petu la detalajn informilojn de KCE, PF 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svislando.

Datoj de la venontaj esperanto-staĝoj por komencantoj: 1983: februaro 8/13 - marto 8/13 - aprilo 5/10 - majo 10/15 - julio 17/22 - aŭgusto 28/septembro 2 - septembro 18/23 - novembro 8/13 - 1984: januaro 10/15.

Datoj de la venontaj esperanto-staĝoj por progresantoj: 1983: februaro 22/27 - marto 22/27 - aprilo 19/24 - junio 21/26 - julio 24/29 - julio 31/aŭgusto 5 - aŭgusto 14/19 - aŭgusto 21/26 - septembro 4/9 - septembro 11/16 - septembro 25/30 - oktobro 2/7 - oktobro 25/30 - novembro 22/27 - 1984: januaro 24/29.

# ROMANCO DE ĜERINELDO

—Ĝerineldo, Ĝerineldo,
paĝio de l' reĝo amata,
kiu vin havus ĉi nokte
en mia ĝarden' floranta.
Di' min helpu, Ĝerineldo,
ke vi estas beltalia!
—Ĉar mi nur estas servisto
vi ŝercas, princino mia.
—Mi ne ŝercas, Ĝerineldo,
ke mi nur la veron diras.
—Kaj kiam sian promeson
plenumos estrino mia?
—Inter dekdu kaj l' unua
kiam dormos jam la reĝo.
Noktomezo jam forpasis,
sed ne venis Ĝerineldo.
—Malfeliĉa, Ĝerineldo,
kiu ame kredis vin.
—Malfermu al mi, sinjorino,
malfermu, la belulin'.
—Kiu ĉi ĉambron kuraĝas?
—Ne timu, ne, sinjorino.
—Kiu tiel pordon batas?
—Estas mi la dolĉa amiko.
Ŝi prenis lin per la mano
en la lito lin kuŝigis
kaj dum ludoj kaj karesoj
la nokto fluge foriris.
Kaj ĉirkaŭ la mateniĝo
ili dormiĝas venkitaj.
La reĝo dume vekiĝas
pro sonĝo terurigita.
—Aŭ oni rabas filinon
aŭ perfidas la kastelon!
Tre haste vokas paĝion
kaj al li petas la veston.
—Ĝerineldo, Ĝerineldo,
la plej amata paĝio!
Tri foje estis lin vokinta,
responde venis nenio.
En zonon metis la glavon
kaj iris ĉe la princino.

La paĝion kaj ŝin vidis
kiel edzon kaj edzinon.
—Mortigos mi Ĝerineldon?
Mi lin havas ek lulilo,
kaj se mortos mi princinon
mia regno sin perdigos.
Kiel fidan atestanton
mi la glavon inter metos.
Kaj la reĝo kaŝe eliris
al la palaca ĝardeno.
Ekmoviĝis la infantino
tri horojn post sunapero;
pro malvarmo de la klingo
la princino sentas tremon.
—Nu, leviĝu, Ĝerineldo,
leviĝu, nu, mia mastro,
ĉar inter vi kaj mi dormis
la glavo de mia patro.
—Kien iri, sinjorino,
por min kaŝi de la reĝo?
—Prenante rozojn, liliojn,
iru tra tiu ĝardeno.
Mi kaj vi suferos kune
la punon al vi venantan.
—De kie vi, Ĝerineldo,
tiel malgaja kaj pala?
—Bona reĝo, de l' ĝardeno
kie mi kontemplis florojn;
bonodor' de iu rozo
eksvenigis la koloron.
—Atestas ja mia glavo
pri la roz' de vi tondita.
—Min mortigu, min mortigu,
vere morton mi meritas.
Ili en tia rezonado
al patro venas filino:
—Mia reĝo kaj sinjoro
ne mortigu la paĝion.
Lin donu al mi kiel edzon
aŭ se vi lin volas morta
apud li mortos princino.

(Tiu ĉi antikva hispana romanco baziĝas sur la legenda amo de Eginardo, sekretario de Karlomagno, kaj Emma, filino de la imperiestro. Ekzistas multaj variantoj, kaj tiu ĉi, fiksita de Menéndez Pidal, apartenas al la plej arkaikaj: unu el Segovia, aliaj de Katalunio kaj la insulo Madeira.)

**Tradukis JES**

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

**SFEROJ - SCIENCFIKCIO KAJ FANTASTO**. (Clarke, Arthur kaj aliaj) Eldona Fako de H. E. F., Barcelono, 1982 131 paĝoj. 18,5x11 cmtj. Fortika bindo, bela kovrilo.
Aĉetebla ĉe Libroservo de HEF

Miguel Gutiérrez Adúriz kompilis ĉi naŭ rakontojn el la sciencfikcia literaturo, kaj certe lia elekto estis trafa.

La libro enhavas verkojn el diverslingvaj aŭtoroj, kaj inter la tradukintoj elstaras la nomoj de William Auld kaj Marjorie Boulton.

Pensigaj, fascinaj, terurigaj aŭ surprizaj estas la temoj de la diversaj noveletoj. Kaj tiaj tekstoj, venantaj de aŭtoroj tre diverslandaj —eŭropaj kaj amerikaj— aperas en glata kaj esprimiva esperanto.

Do, ni havas ĉi tie interesajn verkojn por tiuj, kiuj ŝatas sciencfikcian literaturon, por senkompromisaj ĝuantoj de nia lingvo kaj por esplorantoj de la tradukarto, ĉar ĉi libro donas la okazon kompari tekstojn en pluraj lingvoj kaj tradukintoj.

Entute, libro alloga kaj tre interesa, prezentita de la Grupo Nifo, el Santander, kiu jam anoncas la aperigon de dua volumo, kaj kies entuziasmo certe meritas la atenton de nia legantaro.

JES

**DON JUAN TENORIO**, de José Zorrilla y Moral (**1817-1893**). Elhispanigis Luis Mimó Espinalt. **14x20** cm., 188 p. Eldonis L. Gabrielli.

L. Mimó ja estas sufiĉe konata kaj kompetentega esperantisto, por ke mi «malkovru lin», nun kaj ĉi tie. Tial mi ne kritikos, verdire, lian lingvan sperton. Mi nur opinios jene:

1-e) Mi preferus ke li estus konservinta ĉefe la tri tradiciajn personaĝojn Don Juan Tenorio; Don Luis kaj Doña Inés, Don kaj Donja, samkiel hispane.

2-e) La verko estas ok-silaba ĉe la komenco«Cual-gri-tan-es-tos-mal-di-tos» ok silaboj, ĉu? Tamen li transformas la sistemon kaj skribas verke: «Kiel kriegas ĉi malbenitoj!» Tre fidela tekste, sed longigita linie. Ja tio ne estas peko, sed se li permesas sin ŝanĝi la longon de la versojn, kial li tute libere ne faris la tradukon je «konsonantaj» versoj samkiel faris Zorrilla?

«Cuan gritan esos malditos
pero mal rayo me parta,
si en concluyendo esta carta...» (kaj tiel plu)

«Nu! Kriegas la malbenitoj,
disfendu min mortfulmero
se ĉe l' finiĝ' de l' letero... (tkp)

Laŭ mia persona opinio ĉio indas esti tradukita, sed mi ne povas kompreni ke en niaj cirkonstancoj sociaj, ni, la geesperantistoj agu tiel dekadence. La valoro de la verko de Zorrilla estas tre diskutebla samkiel ĝia tradicieco, ĉar ĝin altrudis socia reganta sistemo en nenies sento progresema.

Povas esti ke la vera valoro de la verko kuŝas en la entenita lirismo pere de konsonantaj versoj kaj fakte la traduko (fidela) rezultas ne ritma kaj senrima kaj, tio ja estas pli grava, tre maldolĉa kaj malfacila por deklami.

En la paĝo dektria Ciutti (mi preferas Ĉutti) respondas Buttarellian demandon «Same kiel knabeto»; kvankam hispanlingve Infante ankaŭ signifas knabo, la senco originala de la verko signifas altrangula kvalito, tial mi konsideras pli adekvata la uzon de «reĝido», ĉar «Infante» en Kastilio temas pri filo de reĝo.

Kiam oni tradukas kion ajn la legantoj postopinias frivole. Mi komprenas la penojn de Mimó por realigi la adekvatan tradukon kaj ankaŭ ke li sukcesis en tio, laŭ sia persona koncepto. Traduki teatraĵon entenas tre gravajn malfacilaĵojn, ĉu literaturaj, ĉu fonetikaj kaj aktoraj. Nur la risko atingi la deziratan rezulton ja meritas laŭdon kaj aprobon, kiun mi sincere transdonas al L. Mimó.

Ricard S. Güell
Membro de la Lingva Komitato de Hispana Esperanto-Instituto

# NEKROLOGOJ

La 28-an de januaro forpasis, 60-jara, en Moiá (Barcelona), la karmemora samideano, s-ro **Ramón Molera Pedrals**. Li estis ĝisosta esperantisto kaj tre entuziasma adepto de la penso de D-ro Zamenhof, kies Internan Ideon li profunde sentis kaj daŭre praktikis.

Jam tuj post la intercivitana milito hispana, s-no Molera tre pozitive aktivadis en diversaj kampoj de la enlanda kaj tutmonda Esperanto-Movado, al kiuj li plene sin dediĉis, eĉ estante malsana, ĝis la ekstremo, ke la morto lin surprizis kun la UEA-jarlibro en la manoj.

En la urbeto Moia, kie li naskiĝis kaj rezidis, s-no Molera komencis gvidi Esperanto-kursojn, kaj sukcesis krei tie aktivan grupon, kiu dum longa tempo pioniris en Hispanujo, interalie per majstra organizado de pluraj ekspozicioj, rilataj al Esperanto, pri filatelo, informado, desegnaĵoj faritaj de diversnaciaj infanoj ktp, kiujn poste profitis aliaj Esperanto-kluboj por sia propagando kaj varbaj kampanjoj.

Kun aktivuloj de Sabadell, li organizis la unuajn Barcelona-provincajn Esperantistajn Renkontiĝojn, kiujn poste oni pliampleksigis al la nunaj Katalunaj Esperantistaj Renkontiĝoj, en kiuj, same kiel en aliaj primovadaj eventoj, li kelkfoje fariĝis la precipa protagonisto, danke al sia simpatia teniĝo kaj objektiva oratoreco.

S-no Molera estis la fondinto kaj daŭra gvidanto, helpate de sia esperantista filino Anna María, de la Kursoj per Korespondado de Hispana Esperanto-Federacio, kies klara kaj efika lecionaro sukcesis varbi, por la enlanda Movado, novajn esperantistojn, precipe izolitajn.

Krome li oficis en Moia kiel delegito, FD por turismo kaj SOS-aŭtoservo de Universala Esperanto-Asocio, de kiu li iam ankaŭ zorgis la delegitecon por Hispanujo; li prezidis la internacian Esperanto-organizaĵon «Universala Ligo», kies precipa celo estas akceli la unuiĝon de la tutmondaj popoloj por sekurigi la homaron; aktivis kiel Komisionano de la Premio «Klara Silbernik»; periode kunlaboris en «Boletín» de HEF; elstare kontribuis en la hispana parto de seplingva fakvortaro, eldonota de Internacia Esperanto-Klubo Aŭtomobilista, kaj eĉ fondis kaj mem redaktis revueton titolatan «KOLEKTADO», pri kio li tre kompetentis, tial ke lia preferata hobio estis la kolektado de libroj, gazetoj kaj cetera Esperanto-materialo, kiujn li posedis grandstoke en tiucela ĉambro de sia hejmo.

Aliajn kunlaborojn liajn por Esperanto tre probable la aŭtoro de ĉi tiuj linioj forgesas, kvankam li ĉiam havis kun li oftan rilaton kaj saman idealon, la Zamenhofan. Kiel homo li estis modelo de bonvoleco kaj humanismo. Vere lia forpaso estas tre grava perdo por la Hispana Esperanto-Movado.

Ĉe la enterigo, kiun ĉeestis amaso da funebrantoj, ŝtope plenigantaj la lokan preĝejon, celebris meson nia samideano Pastro Manuel Casanoves, kiu en sia emocia prediko, kun elektitaj citaĵoj en Esperanto, delikate reliefigis la prestiĝan esperantistecon de nia estimata amiko. S-no

Ramón **Molera** Pedrals, en paco ripozu!

Al lia **edzino**, Antonia Urgellés; gefiloj, Anna María kaj Jaume; patrino, María; bofilo, Carles Illa; nepinoj kaj cetera familio, nian sinceran kondolencon.

V. H. Ll.



Kun profunda bedaŭro, ni informas pri la forpaso de nia kara samideano **Escolastico Vilella Roig**. En la aĝo de 80 jaroj li mortis en Barcelono la 9-an de Aŭgusto. Li estis esperantisto ekde 1919 en Sabadell, kie li loĝis dum multaj jaroj.

Pro lia forpaso malaperas unu el la fondintoj de la Grupo Esperanto «Aŭroro» de Fomento Martinense en Barcelono.

Sinceran kondolencon al liaj familianoj.

Pacan ripozon al li!

Pro koratako forpasis la 4-an de Decembro 1982-a, nia samideano kaj membro de H. E. F. **S-ro MIGUEL FABREGAS BARGALLO**. Pace ripozu. Al sia familio ni esprimas nian sinceran kondolencon.

La 22-an de novembro subite forpasis **S-ino Sonia Docal**, edzino de nia estimata samideano Sergio Docal. Ŝi multe helpis al li en la por Esperanto-agado, gastigante esperantistojn kaj lernante Esperanton por plej efike helpi ilin. Al nia samideano Sergio Docal kaj familio ni esprimas nian bedaŭron kaj kondolencon.

# ANONCO

JE VIA SANO estas la nomo de bulteno kiun nia membro SERGIO DOCAL promesas eldoni sen profita celo honore al sia forpasinta edzino Sonja. Ĝi enhavos tradukojn de artikoloj kaj konsiloj de mondfamaj kuracistoj kaj nutradistoj kiel vivi pli sane kaj longe.

**La prezo** de dek okpaĝaj bultenoj estos 10 usonaj dolaroj aŭ samvaloro.

**Mendu ĉe** Sergio Docal Puig, 3.200 N.E., 36th. St., Apt. **1.222**, FORT LAUDERDALE, Fl. 33.308 (Usono)..

# 43-a Hispana Esperanto-Kongreso

## (Zaragoza 20-25 Julio 1983-a)

**Kongresejo:** Palaco de Kongresoj de CAZAR.—S. Ignacio de Loyola, 10.

En la kadro de la ĉijara Hispana Esperanto-Kongreso, la E-Societo «FRATECO» de Zaragoza, festos sian 75 datrevenon.

La programo, tre varia kaj alloga, enhavos du Seminariojn. Unu pri «**Komunikado**» kaj la alia pri «**Preparlaboroj antaŭ la centjara aperigo de Esperanto**».

Proponojn kaj tezojn, maksimume 10 foliojn tajpitaj je duobla spaco, sendu al la adreso de la Kongreso.

Niaj zaragozaj semideanoj senlace laboras por ke ni ĝuu tre agrablan Kongreson, ni tre bone helpos ilin se ni jam pagas la kongres-kotizon.

## HISPANA ESPERANTO JUNULARA SEKCIO

## Atocha 94 -4. MADRIDO-12

7-a HEJS - TENDARO en la kampadejo «Esperanto-OAZO» en Gandio (Valencio) de la 1-a ĝis la 4-a de aprilo 1983. La kampadejo enhavas naĝejon, kaj la strando estas aŭtomobile rapide atingebla (10 km.), tial ni konsilas al vi kunporti banveston. Tamen ĵerzo kaj pluvvesto neniam estas malkonsilindaj. Por la ekskurso tra la kaverno estas rekomendite kunpreni ankau fortajn ŝuojn kaj manlampon.

Proksime de la kampadejo troviĝas moderkosta restoracio.

Dum la tendaro funkcios libroservo kaj informoficejo pri HEJS kaj TEJO.

Aliĝo, loĝado kaj partopreno en festo 600 p-toj por la membroj de HEJS kaj 700 p-toj por nemembroj.

Ĝis Gandio.

## GRAVA LASTMOMENTA INFORMO DE H. E. F.

Ĉiujn leterojn kaj korespondaĵojn sendu ekde nun nepre al la poŝtkesto 119 de Valladolid, kaj ne plu al la nuna adreso de H. E. F.

B.v. notu tiun P. K. 119 en viaj slipoj. Dankon.